# Etnismo

N-RO 27 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 28.08.81

## OKCITANIO

Kiam François Mitterand ankoraŭ ne estis prezidento de la Franca Respubliko, li responde al aro da demandoj prezentitaj far la Instituto de Okcitanaj Studoj interalie skribis ke liaj celoj ampleksas plenigi da realo la sloganon "VIVI, LABORI KAJ DECIDI EN LA LANDO MEM!" Ni vidos ..... Legu informojn pri la situacio de Okcitanio en paĝoj 14 - 17.




ESTATS.UNITS 1970




FRANÇA 19..?

## EŬSKADIO

La hispana registaro, interkonsente kun la ĉefa opozicia partio, volonte nomas la novan reĝimon "ŝtato de la aŭtonomioj". Sed kiu decidas pri la amplekso de la regiona memstareco? La centristoj! Mortis unu el la plej fervoraj batalantoj por vaska sendependeco. (Paĝoj 12 kaj 13)

ATZO HIL ZEN TELESFORO MONZON





Krome, ĉi-numere vi legos pri:
- etnoj en Hungario / germanoj kontraŭ igorotoj (p. 2) - katalunoj (p. 3 - 5) - tipologio (p. 6 - 8) - Bruselo (p. 9 - 11) - iluzioj (p. 18/19) - unu el la eraroj de ETNISMO (p.22/23) - koncizaĵoj (p. 8 kaj 23) - IKEL (p. 24)

## CIGANOJ

Ciganajn ĉarmon, melodiojn kaj dancojn ni pajoj aplaŭdas ... por poste persekuti kaj malhonorigi tiun unikan en Eŭropo popolon. (P. 2o/21)






Urbonomo en la madjara, germana kaj kroata.

# ĈU NUR KULISA PACO?

Trilingva loknoma tabulo ne atestas akran interbatalon de la koncernataj etnoj. Laŭ la diversaj raportoj, ŝajnas ke la madjaroj, germanoj kaj kroatoj en la sudhungaria urbo Mohaĉ kaj la ceteraj (slovakoj, rumanoj kaj ciganoj) trankvile kunvivas.

En Hungario troveblas, inter la 1o,2 milionoj da madjaroj, proksimume:

220.000 germanoj,
110.000 slovakoj,
100.000 kroatoj,
25.000 rumanoj
kaj supozeble
200.000 ciganoj.

La etnaj minoritatoj havas siajn unuecajn asociojn kiuj garantias, rilate ĝeneralan politikon, la klaran gvidadon far la komunista partio. Sed en ĉi tiu kadro restas almenaŭ iom da spaco por evoluigi etno-specifajn aktivecojn. La ŝtato permesas kaj financas ĉiutagajn radioprogramojn i.a. de Radio Pécs por la ĉirkaŭloĝantaj germanoj (kiuj nomas sin kutime "ŝvaboj"). Ekzistas ankaŭ certagrada literatura produktado en la ne madjaraj lingvoj. Pli kaj pli aŭdeblas plendoj pri la ne sufiĉa subteno flanke de la gepatroj kiuj ne plu vaste instruas siajn infanojn pri la germana lingvo. Ŝajnas ke inter la slovakoj kaj aliaj grupoj la etna konscio estas iom forta: Dum antaŭ malmultaj jaroj ekzistis ankoraŭ unu germana elementa lernejo en Gara kaj unu miksita madjara-germana gimnazio en Pécs, la slovakoj disponis pri 6 (elementaj?) lernejoj kaj du gimnazioj, la kroatoj (kun kun la malmultaj serboj kaj slovenoj) havis ok (dulingvajn) elementajn lernejojn kaj unu gimnazion, kaj la rumanoj - malgraŭ sia malgrandega nombro - sep proprajn elementajn lernejojn kaj, en Gyula, sian gimnazion. Kien iros tiuj ĉi etnaj grupoj? Ĉu ankaŭ al asimiliĝo kiel tiom?

## FILIPINOJ:

# PROGRESO KAJ IGOROTOJ

La diktatora klano de prezidento Marcos trovis fidindan partneron: La inĝeniera firmao "Lahmeyer International" de Frankfurto, FRG, transprenis la planadon de kvar gigantaj baraĵoj en la rivero Chico. Do, progreso por ne tre evoluinta lando, ĉu ne? Jes ja, elektra energio estas ege valora kaj necesa. Sed la direktoro de "Lahmeyer International" ridas pri la sorto de pli ol 1oo.ooo igorotoj kiuj devos forlasi sian dum du mil jaroj kulturatan kaj de multegaj turistoj admiratan regionon. Iliajn rizo-terasojn oni jam nomis "la oka mond-miraklo". La igorotoj konsistas el la kvar triboj de bontokoj, kalingoj, ifugaoj kaj bengvetoj kaj ampleksas proksimume trionan milionon. Ili kultivas rizon, kafon kaj legomojn kaj estas aŭtarciaj. La translokigo de igorotoj signifus perdon de nur de iliaj historiaj kaj religiaj centroj, sed same la perdon de la ekonomia bazo. Ŝajnas ke plej vastaj protestoj - i.a. far la episkopo Claver, mem igoroto - ne impresas la diktatoron kiu promesis al Lahmeyer armile sekurigi la konstruadon!

* * * * * * * * * * *

# DIVIDI KAJ REGI




**Klarigo de mallongigoj kaj signoj**

**A - Andorra la Vella (ANDORO)**
**Al. - Albacete**
**C. - Cuenca**
**M - Morella**
**T - Tortosa**

**P. - Provinco**

**——— ŝtatlimo/marbordo**
**............ lingvolimo**
**—.—. limo inter la orientaj kaj la okcidentaj dialektoj (ĉirkaŭ Tortosa: transira zono)**
**substreko - la provinco samnomas kiel la urbo**
**– – – – - provincaj / departementaj limoj**

La registara partio, Unio de Demokrata Centro, klopodadas daŭrigi la plej aŭtentikan politikon de la diktatoro Francisko Franko: Antaŭ kelkaj jaroj la freŝa ĉefministro Adolfo Sŭarez publike deklaris ke malleblas verki katalun-lingve pri nukle-fiziko --- dum ĉi-lingve universitataj instruistoj en Barcelono traktis precize tiun ĉi temaron; en la Valencia Lando (kiu ampleksas la tri provincojn Castelló de la Plana, València kaj Alacant) la socie reganta tavolo el la frankisma epoko plej energie agitadas <u>kontraŭ la popolo konscio pri katalunaj lingvo kaj kulturo</u>.

La UCD de Valencio kaj de la ŝtatcentro evidente subtenas tiun separatisman tendencon per plej ŝokaj, absurdaj provoj: La hispana konstitucio de 1978 aperis, krom en la kastilia, kataluna, galega kaj eŭskera lingvoj, ankaŭ en iu "valencia"; UCD avertas la homojn de la Valencia Lando kontraŭ "la kataluna imperiismo"; la valenciistoj propagandas la bluan randon de la tradicia flago (sama kiel en la kvar nordaj provincoj: flava fono kun kvar ruĝaj strioj); UCD favoras la malrapidan vojon al la valencia aŭtonomio.

Kiaj estas la faktoj?

1. Estas - por elekti mildan esprimon - surprize ke la registaro publikigis la konstitucion en unu speciala dialekto de unu el la sep lingvoj de Hispanio (krom la jam menciitaj, la astura, la alt-aragona kaj la cigana). La tutmonda lingvistaro samopinias pri tiu aspekto: ke la lingvaĵo de la tri koncernataj provincoj ĉirkaŭ València estas sendube la KATALUNA. (Ĉu iu surpriziĝas pri la fakto ke la kataluna lingvo - kiel tiom da aliaj - havas aron da dialektoj? Kiel montras la ĉi-apuda map-skizo, la ĉefa divido estas inter oriento kaj okcidento. Kvankam la dialekto de Lleida klare diferencas de tiu de Barcelona - kiel tiu ĉi de la maljorka - ĝis nun neniu asertis ke tie temas pri diversaj lingvoj!) Kiel UCD kaj la malnova gvardio aŭdacas defendi sian starpunkton malgraŭ la neŝancelebla konstato farita de la Reĝa Hispana Akademio de la Lingvo koncerne la unuecon de la lingvo en la Katalunaj Landoj (la sep provincoj, apudlimaj zonoj de aliaj provincoj, Orientaj Pireneoj, Andoro, la Balearoj kaj la urbo L'Alguer, esceptante kelkaj pli-malpli grandajn partojn de la Valencia Lando kaj la Aran-Valon)? Cetere, tiu ĉi taktiko ne estas nova: Ekzemple en Aŭstrio, la Robak-grupo kaj la vindiŝoj sufiĉe sukcese praktikas ĝin inter kroatoj kaj slovenoj kaj la aŭstria registaro ŝanceliĝas inter bonvola tolerado kaj aktiva subtenado favore al la etno-disigantoj!

2. La ĉefpezo de la Katalunaj Landoj troviĝas sendiskute en Barcelona, ekonomie, kulture, politike. Tamen, neniel temas pri norda aneksemo kontraŭ la aliaj partoj de samlingvio. Same kiel GDR, Aŭstrio, Svisio kaj FRG oficiale uzadas la saman germanan norm-lingvon sen plej malforta ideo de kies ajn imperiismo derivebla el la samlingveco, tiel ankaŭ la Katalunaj Landoj povas (kaj tradicie, pro objektivaj faktoroj: devas) flegi sian komunan, delonge unuecigitan lingvon restante - se la respektivaj enloĝantaroj tiel deziras kaj decidas - politike disaj aŭtonomaj komunumoj.

3. Kiel ĉiu kontraŭtradicia separatismo kreas sian artefaritan distingilon, tiel ankaŭ la "valenciistoj", t.e. tiuj kiuj estas la marionetoj de la centrismo, flirtigas la blu-randan flagon kiu propras al la urbo València, sed neniel simbolas por la tuta Valencia Lando!

4. Kompreneble, UCD d e v a s kontraŭbatali la ampleksan aŭtonomion (laŭ artikolo 151 de la hispana konstitucio), ĉar en la profunde aŭtonomismaj regionoj de la hispana ŝtato - la Katalunaj Landoj, Vaskio, Asturio kaj Andaluzio, escepte de Galegio - sume plimultas la adeptoj de aliaj partioj ol UCD. Kial, do, lasi pli da potenco en la manoj de la opozicio? Tia estas la moderna "demokratio".

* * * * * * * * * * * *

# KATALUNIERO




La urbeto L'Alguer havas proksimume 45.000 enloĝantojn, el kiuj malpli ol la duono estas denaske KATALUNLINGVA, dum la aliaj - plimulte - uzas la plej antikvecan latinidan lingvon, la SARDAN; tamen, la oficiala estas la ITALA.



Laŭ pasintjara raporto farita de korespondanto de "ÔMNIUM CULTURAL" (Barcelona), ja ekzistas ĉiusemajne unu meso en la algera dialekto (de la kataluna lingvo), kaj la preĝejo pleniĝas da diservantoj tiel ke la popolo ja estas iom post iom konsciigata pri la valoro de la loka lingvo. - Ekzistas unu privata radiostacio kiu defendas la algeran uzante ĝin ĉefe en du gravaj programeroj matena kaj vespera. Same estis ĵus kreita privata televid-stacio, kiu estis parolonta ankaŭ alger-katalune. - Depost aprilo 1980 aperas la monata revuo "Bastió", kies kvaran titolpaĝon vi trovas ĉi-kune. Krom la financaj malfacilaĵoj kiuj ĉiam aperas en tiaj okazoj, "Bastió" baraktas kontraŭ simila problemo kiel "Egin" aŭ "Deia" en Vaskio aŭ, kvankam malpli akre, "Avui" en Barcelona: Multegaj enloĝantoj estas analfabetaj rilate sian denaskan lingvon!

La "Centre d'Estudis Algueresos" ŝajne konsideras la algeran lingvaĵon maksimume taŭga por registriĝi en historiaj arkivoj kaj, konsekvence, nenion entreprenas por savi ĝin precize de tia sorto. La ampleksega biblioteko de tiu ĉi Centro restas fermita al la publiko.

Dum la pasintaj municipaj elektoj, la movado "Socialismo kaj Libereco" gvidata de Rafael Caria (tiu kuraĝa oficisto de la flugkompanio ATI uzinta laŭtparolile, en la flughaveno de L'Alguer, krom la itala kaj angla ankaŭ la sardan kaj la katalunan lingvojn; kp. ETNISMO-n 19, p. 2) konkeris du seĝojn en la urba parlamento. Tiu ĉi grupo verve defendas la katalunan lingvon kiun ĝiaj deputitoj praktikas en la parlamentaj kunsidoj, kie oni kutimis uzi nur la italan. Tamen, estas malmultaj homoj kiuj efektive batalas favore al la algera kiu ĝis nun malgraŭ ĉio rezistas la duoblan imperiismon far la itala kaj la sarda (kvankam ĉi tiu mem suferas la subpremon flanke de la itala ...).

La junularo apenaŭ parolas la algeran, kio ne surprizas se oni scias ke eĉ la plej konvinkitaj pri la bezono de revigligo de la loka lingvo alparolas siajn propajn infanojn ..... i t a l e. Ŝajnas ke la algera havas funkcion nur en danco kaj kanto, sed eĉ en la Festivalo de la Algera Kanzono surscenejiĝis homoj kiuj apenaŭ komprenis la tekston de siaj kantaĵoj!

Volante aĉeti memoraĵon oni ne trovas katalunaĵojn, ekzemple blazonojn, ĉar la komerco estas preskaŭ komplete en sardaj manoj simile kiel la industrio. Onidire la sardoj havas la monon kaj la algeranoj la kanton kaj la kuirejon ....

Ĉu la kontinenta Katalunio ne povus tute praktike kaj konstante helpi?

* * * * * * * * * * * *

Dirk Willkommen:

# TIPOJ DE MINORITATOJ

## PROVO PRI TIPOLOGIO

La nocio "etna minoritato" en si enhavas faskon da diversaj kondiĉoj kiuj konsistigas tiujn minoritatojn kaj kiuj formas iliajn vivkondiĉojn, suferojn kaj evolueblecojn. Ĉar en la abundo da kombinaĵoj de faktoroj estas rekoneblaj trajtoj kiuj kuniĝas kvazaŭtipologie, mi proponas ĉi tie tipologion kiu eble helpos analizi kaj trakti tiuspecajn problemojn. Tia tipologio ne estas tute nova entrepreno. Tamen nek en la internacia nek en nacia lingvo ekzistas finkonstruita sistemo universale uzebla.

Tiun mian proponon mi bazas, kun ioma ŝanĝo, sur referaĵo samtema kiun mi faris dum la 65-a Universala Kongreso de Esperanto 1980 en Stokholmo. Pro la geografia situo mi ilustraciis mian tipologion per ekzemploj el la landoj nordeŭropaj. Tion mi ankaŭ ĉi tie intencas fari, ĉar spite al ebla unuavida takso fare de nespecialisto tiu regiono povas liveri ekzemplojn de ĉia speco de etnaj minoritatoj.

Ĉar ja temis pri individuoj pli-malpli suferantaj pro aparteno al minoritata grupo, mi bazos mian terminaron sur individuoj, kio tamen samtempe donas la terminon por la koncernata grupo.

1. VIZITANTOJ

Ili pli-malpli libervole iras en iun regionon kaj povas ŝanĝi sian situacion relative facile per rea forlaso de la regiono. Inter ili (a) la TURISTOJ havas la plej favorajn kondiĉojn, ĉar ili normale mem elektas la vizitotan landon, vivas normale sub favoraj kondiĉoj (se oni pretervidas ke sociaj kontaktoj kun enloĝantoj ofte ne tro abundas). La vizito aŭ forlaso tute ne tuŝas ilian vivobazon. Tamen povas ekzisti, pro nura aparteno al iu etna/nacia/ŝtata komunumo, diversspeca individua aŭ grupa sinteno al ili laŭ kriterio de raso, lingvo, devenlando, politikaj cirkonstancoj ktp.

Alian staton havas (b) DEĴORANTOJ kiuj ja ion volas efiki per persona kontakto kun ano de la koncernata regiono. Por ili la kondiĉoj povas montriĝi pli premaj. Ili, inter kiuj mi kalkulas ankaŭ studantojn, nur en malpli granda mezuro libere elektas la vizitotan regionon.

2. ENMIGRANTOJ

La enmigrantoj pro iu ajn premo aŭ pro iu ajn celado forlasas la ĝisnunajn ĉirkaŭaĵon kaj vivkondiĉojn por daŭre vivi sub la kondiĉoj de la nova ĉirkaŭaĵo, en kiu ili normale sentas la por ili novan staton de minoritato kun la sekvoj rezultantaj. Ilia elektebleco kaj ilia antaŭscio pri la estonta stato estas limigitaj aŭ tute forestas.

(a) GEEDZECO-PARTNEROJ kutime havas la plej bonajn informeblecojn, prijuĝajn kapablojn, proveblecojn kaj integriĝeblecojn per la proksimega individua kontakto kun la partnero kaj ties familio. Tamen ili povas suferi pro nesufiĉa antaŭscio kaj ebleco de memprovo.

(b) LABOR-ENMIGRANTOJ forlasas la propran fonon kaj eniras fremdan regionon por serĉi pli bonajn sociajn - precipe ekonomiajn - kondiĉojn. Ili forlasas la hejmregionon pli-malpli libervole kaj havas pli-malpli la eblecon elekti la celatan regionon.

(c) La AZILULOJ normale devas forlasi sian propran regionon pro forta premo kaj ofte havas ege reduktitan elekteblecon koncerne la celon kaj la novajn kondiĉojn.

3. AŬTOKTONOJ

La grupo kiu speciale koncernas nin estas la tria, ne pro tio ke la aliaj ne travivas malavantaĝojn kaj problemojn pro sia minoritateco, sed de ili oni povas ja postuli iom da adaptiĝemo. Tiu ĉi lasta grupo vivas kiel minoritato en sia propra regiono havante en ĝi dekomence hejman rajton kaj estante minoritato sen esti partopreninta, per kiu ajn ago, en la kaŭzado de sia stato. En tiu ĉi grupo mi kalkulas ses tipojn:

a) Diasporuloj

Ili vivas dise izolitaj aŭ en malgrandaj grupoj. Ofte ili estas la posteuloj de iamaj enmigrintoj kaj relative mult-trajte adaptiĝis al la majoritato; tamen ili ne apartenas al ĝi kaj estas agnoskataj kiel aliuloj sin mem sentante tiaj. Ofte iaj distingeblaj trajtoj elstarigas ilin inter la majoritato: lingvo, vivmaniero kaj aliaj. La ciganoj vivantaj en la pli grandaj nordaj landoj apartenas al tiu ĉi subgrupo. Oni povus inkluzivi ĉi tie solulojn de alitipaj minoritatoj: prozelitojn (kp. 3 b) aŭ ties posteulojn, apartenantojn de iama socia majoritato (germanoj en Danlando, svedoj en Suomio). Ekster la ciganoj ili ofte havas kontakton al kaj ŝirmon fare de pli bonstata minoritato.

b) Prozelitoj

Prozelitoj estiĝis pro ŝanĝo de identeco de etnanoj en iu tempopunkto. Nromale ili aŭ aliaj prapatroj ŝanĝis la identecon de etno dum iu tempo malpli prestiĝa al pli prestiĝa, normale politike aŭ socie reganta. La ŝanĝo tamen ofte ne tute forigis ĉiun rekoneblan rilaton kun la iama etno. Inter ili estas kalkulendaj, ekzemple, daniĝintaj feroanoj vivantaj sur la feroaj insuloj, svediĝintaj suomoj en norda Svedio, akulturiĝintaj (t.e. kulture asimilitaj) sameoj en la koncernataj landoj, kaj la supre menciitaj personoj (kp. 3 a). Rekoneblecoj aperas en lingvouzo, nomo, aspekto k.a.

c) Eksteraj koloniigitoj

Tiuj ĉi estas homoj kiuj vivas en kolonioj ekster la limoj de la mastra ŝtato kaj ne havas samajn rajtojn kiel la civitanoj de la mastra ŝtato. En la ekzempla regiono, la lastaj ĉi-tipuloj estis la groenlandanoj kiuj fariĝis enkorpigitaj koloniigitoj (kp. 3 ĉ) en 1953 per la deklaro ke tuta Groenlando estonte formos danan distrikton.

ĉ) Enkorpigitaj koloniigitoj

Al tiu ĉi tipo apartenis ĝis 1948 la feroanoj kaj de 1953 ĝis 1979 la groenlandanoj, kiuj ambaŭ nun havas plejpartan memstarecon, tamen en speciala ligo al Danlando kaj kun difektita suvereneco. Al la enkorpigitaj koloniigitoj daŭre apartenas la sameoj en Suomio, Svedio kaj Norvegio. Ili estas ŝtatanoj de la mastraj ŝtatoj kaj submetitaj al ties leĝoj kaj reguloj. Ilia aŭtonomio estas tre limigita kaj ne dependas de ilia propra volo aŭ de samrajtaj, suverenaj interkonsentoj.

d) Lim-minoritatoj

Ili estiĝis per starigo de limo inter du partoj de regiono, kiuj ekde tiam dependas de du ŝtatoj, kio kaŭzis ke mikse vivantaj etnoj en etnaj limregionoj aŭ tutaj etnopartoj fariĝis ŝtatanoj de ali-etne formitaj aŭ estrataj ŝtatoj. Ekzemploj estas jenaj kazoj: germanoj en suda Danlando, danoj en la svedaj regionoj trans Øresund, svedaj Åland-insulanoj, suomoj en norda Svedio apud la limo kun Suomio. Tiuj minoritatoj estas ofte profitantaj ..... aŭ suferantaj interŝtatajn interkonsentojn kaj politikajn kondiĉojn.

e) Konstituantaj minoritatoj

Al ili apartenas la svedoj en okcidenta Suomio kiuj estas oficiale agnos-

kitaj kiel konstituanta etno de la suomia ŝtato, kaj kies lingvo estas agnoskita kiel dua ŝtata lingvo. Tamen ankaŭ tiu ĉi privilegiita minoritato ne vivas sen premo intencata aŭ neintencata. Ilia rezistopovo kontraŭ asimiliĝo dependas de multaj eksteraj kaj internaj kondiĉoj, sed ili havas la plej avantaĝajn eblecojn ĝin kontraŭstari.

Kiel jam montrite, la limoj inter la diversaj tipoj de minoritatoj ne estas rigidaj, eblas transiro de unu tipo en alian, kaj la stato povas ŝanĝiĝi en favoran aŭ en malfavoran. Gravas ke la anoj de majoritatoj atentu kaj komprenu la problemojn de la minoritatanoj kaj agnosku ties homan rajton je propra evoluo sub humanaj kondiĉoj.

<u>Atentigo pri literaturo:</u> Heinz Kloss: "Grundfragen der Ethnopolitik im 2o. Jahrhundert. Die Sprachgemeinschaften zwischen Recht und Gewalt." Verlag Wilhelm Braumüller Universitäts-Verlagsbuchhandlung, Wien, 1969. Recenzita en: LMLP, vol. 4, n-ro 12, p. 176 - 184.

* * * * * * * * * * *

# KONCIZE EL.....

<u>BRUSELO.</u> La Asocio Internacia por la Defendo de la Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj (AIDMLK) eldonis la duan numeron de sia "INFO" kiun redaktas Yvo J. D. Peeters, ekde la kunveno de AIDMLK en Bailleul/Belle en julio 198o adjunkta ĝenerala sekretario. Troveblas en tiu dua numero raporto pri la ĉi-maja estrarkunsideto en Liono (partoprenis nur 8 estraranoj): diversaj aktivaĵoj precipe fare de Peeters kaj estrara proced-regularo (en kies punkto 5 legatas ke la estraraj laborlingvoj estas la franca, angla, germana, itala kaj ... Esperanto). Konkretaj paŝoj estas farataj por finfine doni juran formon al praktika kunlaboro inter AIDMLK kaj FUEEM. La AIDMLK-estraro subtenas rezoluci-proponon de s-ro Arfé koncerne ĉarton de la Eŭropaj Komunumoj por protektado de la regionaj lingvoj kaj kulturoj. Estas aldonitaj diversaj inform-materialoj pri aliaj institucioj laborantaj ĉi-kampe: INTEREG kaj CIFE. - Ŝajnas ke nia supozo pri la valoro de Yvo Peeters kiel nova estrarano pli kaj pli praviĝas (kp. ETNISMO 25 / 198o, p. 11).

<u>GOOSE BAY.</u> La eskimoj de Labradoro (nordorienta Kanado) plendas pro la grandegaj ĝenoj kaŭzataj far la FRG-aerarmeo kies aviadiloj ekde somero 198o ekzerciĝas tiuregione. La vivo-bazo de la tieaj eskimoj estas la karibuo-gregoj kiujn la ekstreme malalte flugantaj aviadiloj forpelas. Antaŭvideblas ke ankaŭ aliaj bestoj forlasos tiun regionon, ĉefe se oni efektivigos la projekton ke en 199o tie ekzerciĝu 4o aviadiloj.

<u>URBINO.</u> La dua internacia kolokvo de CIREEL("Centre d'Information et de Recherche pour l'Enseignement et l'Emploi des Langues") okazos de la 16-a ĝis la 2o-a de septembro 1981 en Urbino, 71 km sude de Rimini, centra Italio. La kadra temo estas "Statuso kaj administrado de la lingvoj". Petu informojn ĉe: CIREEL, 8o rue Vaneau, F-75oo7 Paris.

<u>OLDENBURG.</u> La 24-an de aprilo 1981 la asocio de platdiĉaj instruistoj okazigis sian 46-an kunvenon en tiu ĉi nordokcidenta urbo de FRG. La ĉefa elemento estis lecionhoro en kurso de la supera gimnazia sektoro <u>pri</u> la platdiĉa lingvo. Surbaze de la "Patronia" la lernantoj komparis vortojn el la meza kaj moderna platdiĉa, angla, dana, norm-germana kaj latina lingvoj por trovi la pozicion de la platdiĉa inter tiuj diversaj lingvoj. - Poste la kunvenintoj diskutis kun la lernantoj pri la motivoj por okupiĝo pri la platdiĉaj lingvo kaj literaturo. La kurs-instruisto raportis pri la multaj aspektoj traktataj dum la kurso duonjara.

# ĈIRKAŬ BRUSELO

Komence de majo 1981, Marc Demonty el Bruselo faris referaĵon en Akeno (FRG) pri la evoluo kaj nuna situacio de la etnaj rilatoj en Belgio. Li konsciigis la aŭskultantojn pri amaso da aspektoj de la problemo, ekzemple per la demando: Kiu estas la minoritato en Belgio, la flandroj aŭ la valonoj? Eĉ tiu demando plur-vidpunkte estas miskonduka, ĉar krom flandroj kaj valonoj ekzistas pikardoj, leceburganoj kaj germanoj en tiu ŝtato, kaj la disputo tute ne furoras inter la valona lingvo kaj la flandraj dialektoj de la nederlanda, sed inter la franca kaj la nederlanda lingvoj. Demonty faris rapidan ekskurson tra la historio atentigante pri la najbareco de romanigitaj keltoj kaj ĝermanoj en la nuna Belgio antaŭ 2.000 jaroj kaj pri la vigla sinsekvo de plej diversaj regantoj antaŭ ol alveni en la revolucio de 1830. Tiam ekzistis ne multe pli ol provinca patriotismo kaj "suda" kontraŭstaro al la "norda" regado: Dum la flandroj katolikaj malakceptis la religion de la nederlanda regantaro protestanta, la valonoj precipe rifuzis subiĝi al ties lingvo. Do, la fundamento de la nova ŝtato rezultinta de la revolucio estis negativa solidareco, sed nenia komuna projekto! Ekregis la burĝa klaso kiu - ankaŭ en Flandrio - estis franclingva. Se pasintjarcente Valonio estis ekonomie multege pli potenca, pro sia industrio, ol la agrokultura Flandrio, tio ŝanĝiĝis pli kaj pli radikale post la dua mondmilito tiel ke la fakta plimulto de la belgaj civitanoj, la flandroj, ekhavis ankaŭ la ekonomian plipezon en la ŝtato. Jam estis aperinta nova kaj finfine pli komplika problemo ol ĉiuj aliaj: La origine aŭtentike flandra Bruselo estis "invadita" far franclingvanoj tiom ke la flandristoj eknomis la ĉefurbon "oleomakulo" kaj francistoj - laŭdire - projektis meti "pun-kolumon" ĉirkaŭ tiun ĉi urbon. La kompromiso de 1961 pri Bruselo respektive la 19 municipoj de la aglomeraĵo kaj la "facilaĵoj" por franclingvuloj en la origine nederland-lingvaj municipoj evidentiĝis ne stabila, ĉar precize tie ripete eksplodis kvereloj kaj bataloj. Baldaŭ disfalis la katolika universitato de Loveno (nederland-lingvio), kaj ĝia franclingva sekcio instaliĝis kelkajn kilometrojn sude. Akriĝis la problemoj en du pliaj, tamen multe malpli grandaj lokoj: Furoj kaj Comines/Komen, kie ambaŭ-flankoj ekstremistoj minacas.




Ĉu jen nova aspekto de la interetna problemo en Belgio? Ne plu flandroj batalas kontraŭ valonoj, sed ambaŭ ekkonscias pri sia vera subpremanto: la b r u s e l a n o j. Tamen, ĉu eblas imagi Belgion sen Bruselo?

Fine de sia referaĵo Marc Demonty (kiu estas valonido kaj instruas i.a. la nederlandan lingvon) resumis la rezultojn de interesa enketo kaj bonvolis redetaligi la resumon por ETNISMO:

## NEKUTIMA ENKETO PUBLIKIGITA PRI ETNAJ RILATOJ EN BELGIO

Sur la informa kampo, du taggazetoj, kiuj laŭ eldonkvanto estas sufiĉe gravaj respektive por nederlandlingvanoj kaj franclingvanoj, "De Standaard" kaj "Le Soir" samtempe aperigis enketon pri la maniero kiel tiuj du ĉefaj etnoj, simplige limigitaj, taksas unu la alian. Interese estas ke la enketistoj de la franclingva "Le Soir" enketis en nederlandlingvaj medioj, dum tiuj de "De Standaard" demandis la franclingvanojn, kaj ke ambaŭ ĵurnaloj akceptis publikigi senŝanĝe tradukon de la paralela enketo.

Miaopinie plej signifa tiurilate estas la enketo farita de la statistikinstituto INUSOP, kies rezultoj estas publikigitaj la 6-an de marto 1981. Jen kelkaj eroj de tiu opiniesploro:

Demando: ĈU LAŬ VI LA FLANDRAJ MINISTROJ HAVAS PRAKTIKE PLI AŬ MALPLI DA DECIDPOVO OL LA FRANCLINGVAJ? (Rimarkigo: Krom la ĉefministro, kiu kutime estas flandra, ambaŭflankaj ministroj estas sammombraj, kvankam la flandra enloĝantaro estas klare pli multnombra.)

| Respondo: | franclingvanoj | nederlandlingvanoj |
| --- | --- | --- |
| pli da povo | 55,1 % | 7,5 % |
| egalan povon | 41,2 % | 58,o % |
| malpli da povo | 1,o % | 3o,2 % |

Je dekduo da demandoj pri la neceso de dulingveco por ĉiaj oficialuloj, oni konstatas ke ĉiuj konsideras ĝin necesa, sed malpli ĉe franclingvanoj ol ĉe nederlandlingvanoj.

Demando: EKZISTAS MALSAMAJ OPINIOJ PRI LA FINANCAJ RIMEDOJ DE LA LINGVAJ KOMUNUMOJ. KIU OPINIO PLEJ SIMILAS VIAN?

| Respondo: | franclingvanoj | nederlandlingvanoj |
| --- | --- | --- |
| Ambaŭ komunumoj devas helpi unu la alian finance. | 7o,o % | 41,o % |
| Ili devas mem okupiĝi pri propraj financaj rimedoj. | 28,4 % | 54,8 % |

Demando: KONCERNE LA ESTONTECON DE VIA REGIONO, KIU SOLVO ESTUS PREFERINDA POR VI?

| Respondo: | franclingvanoj | nederlandlingvanoj |
| --- | --- | --- |
| fandiĝo kun alia lando | 4,5 % | 3,9 % |
| kompleta aŭtonomio | 14,5 % | 21,2 % |
| daŭrigo de la nuna situacio | 3o,2 % | 44,o % |
| restarigo de unueca Belgio | 49,2 % | 26,4 % |

Tiuj ĉi nombroj estas diversmaniere interpreteblaj: Videblas nostalgio de multaj franclingvaoj al antaŭa pli favora situacio, aprobo de la nuna situacio (ĉu tamen favora al ili?) ĉe multaj flandroj, pli da aŭtonomiemo en Flandrio, kaj tutklare preskaŭ neniu intereso pri kunfandiĝo kun Francio respektive Nederlando ambaŭflanke.

Demando: SE VI SERĈUS LABORLOKON, ĈU VI AKCEPTUS TRANSLOĜIĜI AL LA ALIA PARTO DE LA LANDO POR TROVI LABORON?

| Respondo: | franclingvanoj | nederlandlingvanoj |
|---|---|---|
| jes | 36,2 % | 32,7 % |
| ne | 6o,7 % | 65,2 % |

Demando: ĈU VI SCIPOVAS LA ALIAN NACILINGVON?

| Respondo: | franclingvanoj | nederlandlingvanoj |
|---|---|---|
| flue | 16,3 % | 3o,5 % |
| ne tre bone | 29,o % | 4o,o % |
| ne | 52,7 % | 27,3 % |

Do, iel paradokse, la flandroj scipovas pli bone la francan, sed instaliĝus malpli volonte en la regiono kie ĝi estas parolata.

Demando: ĈU VI HAVAS PROFESIAJN, FAMILIAJN AŬ AMIKAJN KONTAKTOJN KUN ANOJ DE LA ALIA KOMUNUMO?

| Respondo: | franclingvanoj | | nederlandlingvanoj | |
|---|---|---|---|---|
| | jes, regule | jes, kelkfoje | jes, regule | jes, kelkfoje |
| profesiajn | 23,9 % | 21,7 % | 16,2 % | 16,o % |
| familiajn | 2o,3 % | 2o,4 % | 11,o % | 17,2 % |
| amikajn | 25,9 % | 4o,1 % | 15,o % | 24,2 % |

Koncerne komunajn celojn (ekz. protekton de la vivmedio, egalrajtecon inter viroj kaj virinoj, ktp.) kaj materiajn havaĵojn deziratajn, montriĝis <u>tre granda simileco</u> en la prioritatoj ĉe ambaŭ grupoj.

La lasta demando temis pri (mal)kvalitaj adjektivoj, kiujn oni ligas kun anoj de la propra aŭ de la alia komunumo. La listo ampleksis 22 adjektivojn. Resume konstateblas ke plej ofte:

- la flandroj konsideras la bruselanojn konservemaj, arogantaj kaj babilaĉemaj; pri la du lastaj konsentas franclingvanoj, sed ili male opinias la bruselanojn kontestemaj;
- la franclingvanoj priskribas la flandrojn kiel fanatikajn, arogantajn kaj unuavice laboremajn;
- la franclingvanoj konsideras ke la valonoj (do ĉi-kaze la propra grupo escepte de franclingvaj bruselanoj) estas vivĝojemaj kaj kontestemaj, dum por la flandroj la samaj valonoj estas fanatikaj, kontestemaj kaj tutcerte mallaboremaj.

Jen do signifaj diferencoj en la prijuĝado ĉe etnoj, kiujn oni iam konsideris kiel "evidente" parencajn, krom la lingva malsameco. Sendube la konata diraĵo "Flandro, Valono estas nur antaŭnomoj, Belgo estas la familia" perdis multe de sia signifo .....

* * * * * * * * * * *

Cetere, kiel ni menciis supre, en Belgio estas parolataj ne nur la nederlanda, franca kaj germana lingvoj, sed ankaŭ la leceburga, pikarda kaj valona krom la flandraj dialektoj de la nederlanda. (Komparu ĉi-rilate la diversajn artikoletojn aperigitajn en ETNISMO n-roj 22 (p. 14), 23 (p. 1 kaj 2), 24 (p. 3 - 6), 25 (p. 18). - En 1979 estis publikigita unuakta teatraĵo de d-ro Pol DENOEL (Lîdge = Lieĝo) sub la titolo "Les sourdôs" (La surduloj) originale verkita en la valona lingvo.

* * * * * * * * * * *




MORTIS HOMO
MORTIS PATRIOTO
MORTIS AŬTENTIKA SENDEPENDECISTO

S E N D E P E N D E C O

Jen la pruo de granda manifestacio kiu iris tra la stratoj de Donostio (San Sebastián) post la morto de Telesforo Monzón.

# «Eĉ la mortinton ili timas!»

## Per mitraletoj kaj kiraskamionoj kontraŭ funebra karavano

La 9-an de marto 1981 mortis en Baiona (francia Eŭskadio) unu el la plej reliefaj aktivuloj de la ĉi-jarcenta vaska politiko: Telesforo de Monzón Ortiz de Urruela.

Li naskiĝis la unuan de decembro 1904 en Bergara (Gipuzko), studis juron en Madrido kaj jam junaĝe membriĝis en la Vaska Nacia Partio (Eusko Alderdi Jeltzalea / Partido Nacionalista Vasco). Elektita en 1933 kiel deputito por Gipuzko en la hispanan parlamenton li batalis por vaska aŭtonomio-statuto, kiu fakte ekvalidis kiam jam la intercivitana milito estis eksplodinta. Monzón estiĝis ministro pri internaj aferoj en la registaro de la aŭtonoma Eŭskadio; li estis 31-jara. Malpli ol jaron poste li ekziliĝis, kun la ceteraj registaranoj, antaŭ la trupoj de la ribel-generaloj. Monzón ekprenis kontaktojn kun la fuĝintoj en francia Eŭskadio, organizis help-kampanjojn kaj, fine de 1970, rolis kiel peranto inter ETA malliberiginta la germanan konsulon Beihl kaj la ŝtataj aŭtoritatoj. En 1977 Monzón revenis al Hispanio kaj estis eksmembrigita de VNP. Du jarojn poste - li estis proksimiĝinta pli kaj pli al la ekstrema maldekstro vaskisma - Monzón estis elektita deputito en la hispania parlamento en la listo de Herri Batasuna (Popola Unueco). Same kiel la aliaj du deputitoj kaj unu senatano de PU, li neniam partoprenis parlamentan kunsidon, ĉar PU pledis kontraŭ la hispana konstitucio de 1978 konsiderante ĝin nevalida por Eŭskadio. La 9-an de marto 1980 Monzón estis elektita unu el la 11 PU-deputitoj en la parlamento de Eŭskadio, al kies →



Amasego da policistoj haltigas la funebran karavanon en Pasaia por transporti la kadavron per polica ambulanco al Bergara.

kunvenoj ili unu solan fojon iris ..... por protesti kontraŭ la ĉeesto de la reĝo de Hispanio.

Sed Telesforo Monzón estis ne nur politikisto, sed ankaŭ aŭtoro de pluraj eŭskerlingvaj libroj, verkisto de poezio (kelkaj poemoj tre populariĝis) kaj komponisto.

La morto (pro infarkto de la miokardio) de Monzón instigis multegajn vaskojn en Francio kaj Hispanio demonstri sian profundan simpation, eĉ adoron por tiu ĉi karisma homo. Sennombro da aŭtoj akompanis la funebran kamioneton - kun grandega vaska flago sur la dorsflanko - ĝis la limo kie la hispana polico ekzakte kontrolis kaj registris ĉiujn karavanajn aŭtojn. Kiam la vaskaj rifuĝintoj estis turniĝintaj antaŭ la limo, jen aliaj vaskoj, en la hispania flanko, anstataŭis la unuajn por omaĝe konduki la mortinton al ties naskiĝloko Bergara. Sed ĉeestis ankaŭ "la aliaj": aroj da policistoj borderis la stratojn kaj blokis stratkrucon deviante la karavanon sur la aŭtoŝoseon. Ĉie, apud vilaĝoj kaj sur pontoj, atendis multegaj homoj. La karavano, malgraŭ la policaj streĉoj, sukcesis forlasi la aŭtoŝoseon kaj traveturis la centron de Irún por direkti sin poste al Errenteria. Tiam okazis, fine de Pasaia, la nekredeblaĵo: haltigo de la funebra aŭto far la polico, "perdiĝo" de la aŭtoŝlosiloj, transmeto de la ĉerko en policaj ambulancon, daŭrigo de la transporto akompane de almenaŭ du policaj kirasaŭtoj kaj nenombreblaj "normalaj" policaj veturiloj. Alveninte en Bergara la ambulanco kaj la "eskorto" eĉ ne haltis antaŭ la domo de Monzón, kien oni revenis nur post senfina protestado far la amasiĝintaj vaskoj. La provincestro ( = delegito de la centra ministerio pri internaj aferoj) praviĝis la ĉeeston de policaj hundoj en la ĉefplaco de Bergara per la suspekto de skandaloj kaj afiŝoj!

"Eĉ la mortintan Monzón ili timas!" diris urbestro Uria de Hernani, apud Donostio, en improvizita kunveno popola.

Tiom por konkretigi al niaj legantoj la situacion en Eŭskadio: La centra registaro surstratigas sian armitan policon por sufoki la krion de la popolo pri SENDEPENDECO. Pro la Katolikaj Reĝoj kaj 500 jaroj da absolutismo Hispanio estas - laŭdire - unueca kaj devas konservati tia. Tial, tutsimple, la hispana konstitucio de 1978 ne "povas" enhavi la rajton pri memdetermino de kiu ajn grupo de la hispania enloĝantaro. Se aldoniĝas - kiel depost kelkaj jaroj okazas - milionopa senlaboreco, ne mirigu ke multegaj vaskoj turnas la dorson al tiu ĉi "demokratio". Jen kial HERRI BATASUNA du fojojn sinsekve atingis surprize grandan procentaĵon en balotoj pledante por <u>sendependa marksima vaskista ŝtato</u>.

# KIOM DA AŬTONOMIO !

La ministro pri edukado, en la registaro de aŭtonoma Eŭskadio, Etxenike, riproĉis al la Hispana Socialista Laborista Partio kontraŭ-aŭtonomian strebadon. Tiu ĉi partio estis plendinta antaŭ la Konstituci-Tribunalo pro la laŭleĝa ebleco ke la aŭtonomaj regionoj mem organizu la lernejojn. Fakte la Tribunalo deklaris la korespondan paragrafon de la leĝo kontraŭkonstitucia! La vaska registaro, kiun formas ekskluzive ministroj kiuj estas membroj aŭ adeptoj de VNP, konsideras ĉi tiun decidon fraŭdo al la vaska aŭtonomio. La saman tagon (11. 06. 1981) la parlamento de Eŭskadio traktis pliajn problemojn el la eduka kampo. Ankoraŭ restas definitivigenda la jura situacio de la "ikastoloj": ĉu publikaj, ĉu privataj, ĉu ĉiuj, ĉu iuj? Kiam temis pri la konstruota gimnazio en Lasarte (sude de Donostio) leviĝis la riproĉo ke la vaska registaro ŝajnas prokrasti la konstruon por fine starigi privatan gimnazion kun la eŭskera kiel instrulingvo. Kiu laŭtigis tion riproĉe? Kompreneble la hispaniismaj frakcioj!



* * * * * * * * * * * *

# OKCITANIO



(Daŭrigo el ETNISMO 26, p. 3 -5)

POLITIKA MALFERMO AL LA OKCITANAJ RAJTOJ

Politike la maldekstrulaj partioj, malgraŭ tio ke ĉiuj estas tradicie jakobenaj, malfrue adaptiĝas al la novaj aŭtonomiaj postuloj. Bedaŭrinde por la franca sistemo ili alvenas tro malfrue. La priregiona leĝprojekto kiun prezentis la Franca Komunista Partio en decembro 1977 estas fidela reproduktaĵo de la projekto de Robèrt Lafont el 1967. Kaj tio okazis kiam Lafont ĝin postlasis kiel malaktualan ...

En interna dokumento de la Franca Socialista Partio, pretigita far kelkaj aktivuloj, oni agnoskas ke ĉe la franca ŝtato ekzistis kultura genocido, lingva fanatikeco kaj ideologia naciismo. Tial ili opinias ke la maldekstrularo devas publike proklami ke ĝi kondamnas ĉi tiun aspekton de la pasinteco, eĉ deklari ke la franca maldekstrularo, samnivele kiel la hispana reĝo, akceptas ke ĉiuj lingvoj en Francio estas egale naciaj, kaj tio implicas rajtegalecon ĉe nivelo de principoj sendistinge de la faktaj malegalecoj.

Kaj sekvas: "Ĉi tiu oficiala rekono de la franca pluraleco proklamos la rajton de la minoritataj popoloj je la kono, uzo kaj evoluo de iliaj lingvoj kaj kulturoj en ĉiuj vivaspektoj, ĉefe en tiuj de la instruado, informado kaj administracio." Oni devas atentigi ke ĉi tio estas la sinteno de aktivula grupo laŭ la premo de la socialistaj okcitanistoj.

Sed kiom malsimila estas ĉi tiu sinteno rilate al tiu de la Franca Socialista Partio el 1973 kiu denuncis kiel reakcian ne nur la liberigan movadon de subpremata popolo, sed eĉ la simplan eksenton aparteni al kiu ajn etno. Tiu sinteno estis sufiĉe simila al tiu de la Franca Komunista Partio kiu proklamis ke la ŝtato ne estas strukturo de socia evoluo laŭlonge de la tempo, sed definitiva kaj eterna realo en tiu formo kiun donis al ĝi la hazardo, dum la minoritataj nacioj historie kondamnitaj devas akcepti sian malaperon profite al tiu reganta.

LIBERECO POR OKCITANIO

Ene de la morgaŭa Eŭropo la nacioj aŭ popoloj kiel eŭropaj regionoj rajtos ne nur mem sin regi, sed ankaŭ havos proprajn eksterajn rilatojn kun siaj najbaroj, kio permesos ne nur konstrui la unuecon de la okcitana teritorio, sed ankaŭ tute malferme aliajn kiel la okcitanan-katalunan, la mediteranean .....

Robèrt Lafont, aŭtoro de la regionismo per sia libro "La Regionisma Revolucio", rekonis pasintsomere publike ke la regionismo finiĝis kaj ke oni devas doni ian povon al la okcitana teritorio.

La sintenoj radikaliĝas, ĉar proksimume tio estas kion diris la radikala PNO antaŭ pli ol 2o jaroj kaj tio estas kion diras "NI VOLAS LOĜI EN NIA LANDO" de antaŭ nelonge.

LOĜANTARO KAJ DEMOGRAFIO

Ene de la lingva kaj kultura teritorio okcitana loĝis en 1975 entute 12.347.ooo personoj, el kiuj 2oo.ooo estas civitanoj de la itala ŝtato (Piemont) kaj 6.ooo de la hispana ŝtato (La Vall d'Aran). Kun 64 loĝantoj/m$^2$ la meznombro okcitana iomete superas la duonon de tiu de la cetera franca ŝtato. Eĉ pli frapa estas la ĝenerala karaktero de tiu mal-

denseco: Provenco estas la sola okcitana regiono kiu atingas la meznombron de la cetera parto de la ŝtato. Laŭ la statistikoj, la okcitana loĝantaro aperas kun pli alta aĝo ol la aliaj regionoj, kaj la tendenco akriĝas kun la tempo. Kvankam tiu maljuniĝa procezo de la okcitana loĝantaro devenas ankaŭ de la ĝenerala malalta naskokvanto en la franca ŝtato, ĝi havas aliajn ĉefajn kialojn:

a) elmigrado de junaj okcitanoj en aktiva aĝo al aliaj regionoj, ĉefe al la Sena valo kaj al la Liona regiono;

b) enmigrado de emeritularo en la okcitanajn regionojn;

c) enmigrado de malmultekosta laborforto alĝeria, maroka, portugala.




EVOLUO DE LA NATURA SUPERLOĜATECO

Dum la periodo 1954-1975 Okcitanio montras malgrandan naturan superloĝatecon ĉiam malpli grandan ol tiu de la franca ŝtato en sia tuto. La evoluoj okcitana kaj franca ne estas sinkronaj. De 1954 ĝis 1967 en tri departementoj la forpasoj superas la naskiĝojn; inter 1968 kaj 1975 aldoniĝas sep departementoj, precipe internaj; ankaŭ la aliaj konstatas ke ilia natura superloĝateco malkreskas.

De 1954 ĝis 1962 dek departementoj el la 31 okcitanaj montras triprocentan superloĝatecon, sed inter 1968 kaj 1975 nur kvin departementoj restas kun tiu saldo, dum ĉiuj aliaj ankoraŭ malkreskas, escepte de unu sola kiu kreskas: Puy de Dôme. Ĉio ĉi signifas ke la okcitanaj departementoj daŭre malkreskas pli ol la aliaj regionoj. Samtempe Okcitanio prezentas unikan rekordon havante la solan regionon en la franca ŝtato kiu atingas malkreskon en la natura saldo: el Llemosî.

EVOLUO DE LA ENMIGRA FLUO

Pri la evoluo de la migro-fluoj ni konstatas ke la situacio de la tuta Okcitanio estas malsimila de la aliaj regionoj kaj de la tuto de Francio. Pro la enmigrado la saldo estas ja supera en Okcitanio kun 6,8-procenta pluso inter 1962 kaj 1968, dum samperiode estis 2,9-procenta pluso en tuta Francio kaj nur 1,7-procenta pluso en la aliaj regionoj. Kontraŭe, iom antaŭe, inter 1954 kaj 1962, 14 okcitanaj departementoj atingis migro-malkreskon pli-malpli gravan, kaj nur kvar departementoj atingis migro-kreskon pli ol 10-procentan. Inter 1962 kaj 1968 sep departementoj malkreskas, dum sep aliaj laŭlonge de la mediteranea bordo montris plusan saldon de pli ol 10 %. La enmigra fluo konsistas el repatriigitaj francoj el norda Afriko, el laboristoj alĝeriaj, marokaj, portugalaj kaj - malpli - hispanaj kaj italaj. Nur en la departemento "Boques del Roine" loĝas 160.000 "pieds noirs" (elafrikaj repatriigitoj), el kiuj 12.000 troviĝas en Marselha, kio signifas 11% de la tiea loĝantaro.

Verdire la integriĝo okazas pli bone ol en aliaj lokoj. Bedaŭrinde la nuna situacio de la okcitana kulturo ne permesas ke tiu integriĝo havu la kvaliton kiun Okcitanio atingis en la pasinteco kaj kiu denove eblus se ĝi konkerus la povon direkti sian propran destinon. De 1968 ĝis 1975 la migro-superloĝateco malkreskis ĉefe pro la decido de la franca registaro, kiu en 1974 malpermesis enmigradon de pliaj eksterlandaj laboristoj escepte de tiuj el la landoj de la Eŭropa Komunumo laŭ la Roma Traktato pri libera laborelekto. La komparo de la du variantoj - natura kaj migrada saldoj - donas kiel rezulton tri okcitanajn regionojn:

A - centra okcitana regiono difinita samtempe per malgranda malkresko de la natura superloĝateco (kiu ankoraŭ daŭre malkreskas, ĉar la forpasoj superas la naskiĝojn) kaj malkresko de la migrado-superloĝateco; tio ĉi koncernas trionon de Okcitanio;

B - la mediteranea bordo difinita per malgranda natura superloĝateco kaj stagnado de la enmigrado-kresko (du provencaj departementoj konservas tamen migro-saldon ankoraŭ pozitivan);

C - en la aliaj departementoj, ĉefe en la orienta parto de Okcitanio, malgraŭ pli granda stabileco, oni konstatas de antaŭ nemulte malkreskon de la natura superloĝateco kaj stagnadon de la migro-saldo.

Se oni komparas ekde tiu ĉi vidpunkto la rezulton de la okcitanaj regionoj kun la ceteraj de Francio, oni povas konstati ke la natura superloĝateco (biologia kresko) de la ne-okcitanaj regionoj ĉiam superas la okcitanajn. Lastatempe ĉi tiu procezo ankoraŭ pligrandiĝas: kresko en la francaj kaj malkresko en la okcitanaj. Jen kiel en Okcitanio la malboniĝo klare aperas je demografia nivelo. Ekzistas du alternativoj:

- Aŭ la okcitanaj regionoj perdas sian loĝantaron pro kolektiva malkresko de la adicio de la unuigitaj perdoj de la natura saldo kaj de la migro-saldo.

- Aŭ ilia kolektiva demografia kresko ne okazas danke al la pozitiva natura saldo (la negativa saldo estas ja la plej ofta), sed pro la enmigrado-fluoj de la eksterlandaj laboristoj kaj ĉefe de malaktivaj emerituloj, kio kaŭzas la maljuniĝon de la loĝantaro. Provenco estas ja viva ekzemplo. Se la nuna tendenco daŭras, Langvedoko kaj Provenco havos, en 1983, 8.2oo.ooo loĝantojn, el kiuj 2 milionoj estos enmigrintoj, t.e. 25% de la tuta enloĝantaro.

La procezo kiu kondukas Okcitanion fariĝi rezervo de spaco, de laborforto, teritorio por ripozo kaj por nordeŭropaj emerituloj, do: koloniita teritorio, vaste konfirmiĝas per la demografia evoluo.

Konstatendas la relative moderna origino de tiu ĉi fenomeno kiu permesas kapti ĝian vastecon. En 1851 la entuta loĝantaro de la ses okcitanaj regionoj estis 1o.12o.ooo personoj, t.e. 28% de la francia loĝantaro kontraŭe al la nuntempaj 23%. Oni devas aldoni ke la kvin okcitanaj regionoj (sen Provenco) reatingas sian loĝantaron de 1851, dum la francia loĝantaro pligrandiĝis je 44% en la sama periodo.

La postuloj de la imperiisma ekspansio konsideris la homojn kiel amason da ekonomia laborforto translokigebla de unu al la alia flanko de la ŝtata teritorio fortranĉante la radikojn kiuj ligas la homojn al ilia lando, al ilia familio, al ilia kulturo. Sub la Patruja preteksto oni fabrikis verajn sennaciulojn. La perforta malenradikiĝo pro mizero kaj ekonomio estas atenco kontraŭ la integreco de la homo kaj signifas, do, veran tiranecon.

<u>EKONOMIOJ FRANCA KAJ OKCITANA</u>

La franca ekonomia spaco enhavas intermikson de evoluantaj regionoj (en kiujla loĝantaro kreskas) kaj de aliaj regionoj malevoluintaj (en kiuj la enloĝantaro malkreskas kaj maljuniĝas). La kontrasto evidentiĝas ankoraŭ pli multe pro dua intermikso de sektoroj de moderna produktado kun tiuj de produktado pli-malpli kaduka. Kompreneble ne ekzistas hazarda kombino en ĉi tiuj regionaj kaj sektoraj duecoj, sed koncentrado de evoluantaj regionoj kaj de modernaj sektoroj, de malevoluintaj regionoj kaj de kadukaj sektoroj. Eĉ pli ankoraŭ: Ĉi-lastajn oni organizas ekde decidaj foraj lokoj apartenantaj al alia sistemo.

Analizi la okcitanan ekonomion estas analizi ekonomian spacon for de la kutima ŝtata kadro. Ĉi tiun studon oni faris pri Okcitanio ene de la franca ŝtato kaj el ĝenerala vidpunkto. Ĉi-rilate la okcitanaj ekonomiistoj reliefigas la okcitanan submetadon fare de industriaj kaj financaj grupoj por kiuj ĝi ne estas la ĉefa celo de ilia aktiveco. Ĉi tiu flankenigo estas, laŭ ilia opinio, la kaŭzo de du esceptaj problemoj ene de la okcitana konscio: la turismo kaj la vinberkulturado.

LA TURISMO

La mitoj rilate la turismon kiel kreon de laborlokoj falas antaŭ la malmultaj postenoj kreitaj en tiuj regionoj kaj la foriro de la turisma gajno for el la koncernataj municipoj, eĉ pro la negativaj influoj: tro altaj kostoj de la komunaj servoj, plialtigo de la kosto de la tereno kio rekte malutilas la agrokulturan aktivecon, ktp.

VINBERKULTURADO

Se la turismaj problemoj estas pli modernaj kaj pli bone distribuitaj tra ĉiuj okcitanaj regionoj, la vinberaj malfacilaĵoj ekzistas de antaŭlonge kaj peze influas sur Langvedoko, kie la vinberkulturado fariĝis ekskluziva. La Eraut-departemento posedas 34.ooo vinberkulturistojn kaj 11.ooo agrokulturajn dungitojn en aktiva loĝantaro de sume 223.255 personoj. La malalta gajno de la langvedoka vino devigas serĉi anstataŭigon je longa tempo kaj kvalitan malaltigon je mallonga tempo. Krom tute ne serĉi solvojn de tiu ĉi situacio, kies kaŭzojn delonge oni forgesis, la ŝtato eĉ resumas sian politikon en tiu esprimo eldirita la 24. 12. 1976 far la Agrokultura Ministro Bonnet: "Ke ili krevu!"

AKTIVA LOĜANTARO

La salajra rilato estas 9 je 1o (9o%) en la pariza regiono, de 4 je 5 (8o%) por la cetero escepte de Okcitanio kaj de 3 je 4 (75%) en Okcitanio mem. Oni konstatas ke la agrokulturo provizas 14,11% de la laborlokoj en Okcitanio kontraŭ nur 9,6% en la cetera parto de la ŝtato. La senlaboreco, en 1973, estis duoble pli alta en Okcitanio ol en la resto de Francio: La plej altajn nivelojn de senlaboreco atingis Langvedoko (8,8%) kaj Provenco (8,2%).

La observantoj plene konsentas ke la relative trankvila nuna periodo originas precipe el la transformigaj esperoj rilate al la politikaj klopodoj de la maldekstrularo. Se tiujn esperojn trompus malbone elektita ekonomia politiko aŭ balota malsukceso, la rezultoj certe tuŝus Okcitanion.

(Aŭtoro: Enric Garriga i Trullols; tradukis: Llibert Puig i Gandia.)

# RON radiò locala, independenta e bilingua

Fine de julio 1981, ETNISMO telefone intervjuis s-ron Sèrgi Granièr, Narbona, kiu estas kunlaboranto de "Radiò-Occitania Narbona" (RON) kaj prezidanto de la Federacio de Okcitanaj Radioj":

ETNISMO: De kiam elsendas RON kaj kiulingve?

Granièr: RON komencis elsendi la 11-an de junio 1981, ĉiutage (sen la dimanĉoj) je la 19-a horo en 1oo MHz. Niaj programoj estas dulingvaj, proksimume duone en la franca kaj duone en la okcitana.

ETNISMO: Kiu organizas, kiu pagas tiun radiostacion?

Granièr: RON estas afero de privata asocio, sed nia celo estas ke ĝi fariĝu tute normala loka radio je la servo de la tuta enloĝantaro. RON ne estu militanta, doktrina radio.

ETNISMO: Kiajn programojn vi produktas?

Granièr: Niaj programoj ampleksas ĝeneralajn kaj lokajn informojn, intervjuojn, raportojn, enketojn, gazetaran superrigardon, informojn pri libroj kaj diskoj, kanzonojn ktp.

ETNISMO: Pri kiom da tempo vi disponas ĉiun fojon?

Granièr: Estas 45 minutoj.

ETNISMO: Ĉu en Okcitanio ekzistas pliaj radiostacioj kiuj uzas ankaŭ la okcitanan lingvon?

Granièr: Jes ja, ekzemple en Pau kaj Toulon, kaj ekzistas multaj projektoj.

* * * * * * * * * * * *

# ĈU FINO DE ILUZIO?

**Dum pli ol 2o jaroj flugis tra Eŭropo la onidiro ke ideala solvo de la interetna problemo estis trovita en la dan-germana limregiono ĉirkaŭ la urbo Flensburg, kie, en Danlando kaj en FR Germanio, la majoritato inventis eblecojn por politika reprezentado de la minoritato en la parlamentoj de Kopenhago respektive Kiel (ĉefurbo de Ŝlesvigio-Holstejno).**

**Ŝajnas ke tiu paco pli kaj pli estas minacata, kaj eventuale oni komencos nun miri pri tio ke dum jardekoj ĉio evoluis tiel trankvile. Kiugrade la membroj de la diversaj politikaj kaj kulturaj asocioj estas fakte DANAJ? Ĉu ne strangas ke en 1933 voĉdonis por dana grupo nur 1.949, dum en 1947 99.5oo donis sian voĉon al la dana kandidato por la regiona parlamento? Kiel eblas ke en 1979 restis nur 22.291 samcelaj voĉoj? Evidente tute ne temis en 1947 (1954: 42.242 voĉoj, 1962: 26.883 voĉoj) pri ETNAJ motivoj, sed simple pri ĝenerale POLITIKAJ kaj EKONOMIAJ. Similas la bildo de danaj lernejoj: En 193o ekzistis 9 lernejoj kun 62o lernantoj (kaj 4 infanvartejoj kun 143 infanoj), dum en 195o subite aperas 8o lernejoj kun 13.239 lernantoj (kaj 13 infanvartejoj kun 446 infanoj) kies nombron klarigas la avantaĝoj proponataj de la danaj lernejoj kaj la psikologia fuĝo el la germana historio.**

**La daŭran sintrompadon endanĝerigis leganto-letero direktita al "Flensborg Avis", la danlingva taggazeto kun 7.ooo ekzempleroj (el kiuj oni vendas 3.ooo translime ...): La aŭtoro plendis pri tio ke dum kristnaskaj festoj**



de la ĝenerala dana kulturorganizo "Sud-Ŝlesvigia Asocio" oni parolas platdiĉe anstataŭ dane. En la verva diskuto inter la legantoj de tiu gazeto konkretiĝis du vidpunktoj: unuflanke oni konstatis ke por multegaj danistoj la platdiĉa estas la denaska kaj ĉiutaga lingvo; aliaflanke oni postulis ke danisto parolu la danan - eĉ se ĝi ne estas ties denaska lingvo - por manifesti sian danismon.

Nu, kion diri prijuĝe? Kiugrade estas kredinda deklaro pri daneco sen kiu ajn objektiva bazo? El la ŝlesvigia medio fontas tiu principo retrovebla en la ideologio de la Federacia Unuiĝo de Eŭropaj Etnaj Minoritatoj (FUEEM) ke "ĉiu havas la rajton libere deklari sian apartenon al etna minoritato resp. etna grupo. La ŝtatoj estas devigitaj krei la politikajn kaj sociajn antaŭkondiĉojn por libera deklaro. Tiun ĉi deklaron oni rajtas nek kontesti nek ekzameni." (La substreko estas nia. Komparu ETNISMO-n 12, p. 1o - 12) Tiuj kvazaŭ-danoj estas same neakcepteblaj kiel elementoj de la dana etno kiel tiuj membroj de Espernato-kluboj ne uzantaj la Internacian Lingvon. Tiel oni riproĉis al multaj SŜA-membroj ke ili ne serĉas en Ŝlesvigio la historiajn faktojn, sed ke ili estas misiistoj importantaj ideologion.

Sed la duoblan iluzion pri la profunda daneco de konsiderinda enloĝantaro kaj pri la solvo de interetnaj problemoj pli kaj pli forviŝas ankaŭ aliaj faktoroj.

Kiam dana bieno estas vendita al germanlingvulo, kiam pli kaj pli da homoj rigardas la germanan, sed ne la danan televidon, la danistoj tion juĝas kultura alieniĝo. Dume, temas supozeble nur pri esprimo de realismo ĝis nun subpremita. - Se la regiona registaro de Ŝlesvigio-Holstejno, surbaze de kristandemokrata plimulto en la parlamento, rifuzas tuj doni al la danaj privataj lernejoj la saman subvencion kiel al la germanaj (nuntempe la danaj ricevas 85 % de la sumo de la germanaj), tio estas klare denuncenda maljustaĵo. Kial diferenci inter privata lernejo A kaj B? (Tute alia problemo estas ĉu ekzistu privataj lernejoj.) Eĉ se multaj infanoj kiuj frekventas la danajn lernejojn estas nur-ŝajn-danoj, ne troveblas argumento favora al la nuna sinteno de la regiona registaro. Ĉu, do, mirigas ia opozicio profunde demokrata kiu, ne disponante pri politika esprimilo en la germanaj partioj, proteste deklaras sin dana kaj eĉ ne plu subpremas la longtempajn revojn plivastigi Danlandon per suda Ŝlesvigio? Ekstremismo ofte naskiĝas el la fakto ke la alia flanko ne moviĝemas. Krome, la germanaj politikistoj, inter ili la regiona ĉefministro Stoltenberg, faras alian objektivan kaj taktikan eraron: prisilenti historiajn faktojn gravajn por la danoj. Ekzemple, Ŝlesvigio ja estis aŭtentike dana dum la tuta mezepoko kaj nur en 1866 estis aligita al la Germana Konfederacio.

Norde de la dan-germana limo okazis alia nekompreneblaĵo: La germana Ŝlesvigia Partio, en Danlando, proponis al la danaj Centraj Demokratoj kiel kandidaton por la Kopenhaga parlamento homon kiu - 17-jara - aliĝis libervole al la armita SS. Tiom da historia malkompreno evidente necesigas senteblan respondon.

Alia aspekto de tiu regiono neniel montras solvon: la nord-frisoj. Tiu etno de proksimume 6o.ooo personoj (el 12o.ooo enloĝantoj de la okcidentŝlesvigia distrikto) estas plurfoje dividita: kvin sesonoj parolas la platdiĉan aŭ/kaj la normgermanan kaj nur unu sesono estas denaske frislingva, kaj krome tiuj 1o.ooo frislingvuloj uzas d e k diversajn dialektojn sen havi komunan literaturan lingvoformon! Aldone, kvazaŭ ne jam sufiĉus la disigiteco, eĉ koncerne la frisan kulturpolitikon ili estas klare dividitaj inter la "Asocio por Naciaj Frisoj" (Foriining for nationale Friiske) kaj la "Asocio por kono de kaj amo al la hejmregiono" (Verein für Heimatkunde und Heimatliebe). La naciaj frisoj kunlaboras kun la danoj kiuj pretendas reprezenti ankaŭ tiun etnan grupeton.

(Informoj peteblaj ĉe: Dansk Generalsekretariat, Norderstr. 76, D-239o Flensburg, FRG. Ne atendu koincidon de opinioj ...)

* * * * * * * * * * * * *

# RASISMO MARĜENUMAS CIGANOJN

Juan de Dios Ramírez Heredia, socialista deputito el Almería en la Madrida parlamento, estas cigano kaj verva defendanto de sia etno. En artikolo publikigita fine de julio 198o en la liberala taggazeto "El País" sub la titolo "Je la amo de dio, sufiĉas, sufiĉas da persekutado!", li denuncas la hispanan socion pro RASISMA sinteno kontraŭ la ciganoj. Tiutempe okazis pluraj - eĉ sangaj - incidentoj tra Hispanio, precipe en Hernani (Eŭskadio). La cigana deputito konstatas amare ke ĝis nun oni lasis lian popolon almenaŭ vegeti dum la pajoj(*) profitadis la ciganan flokloron de kantoj kaj dancoj (flamenko). Ramírez Heredia suspektas ke nun komenciĝis nova inkvizicio kun memoro pri la krematorioj de "SS". Li supozas ke tiu ondo de kontraŭciganismo estas jam respondo al kelkaj - kvankam tre modestaj - signoj de aktiva rezistado ĉefe inter junaj ciganoj.

Laŭ peto de la INTERNACIA KOMITATO POR ETNAJ LIBERECOJ (IKEL), Ramírez Heredia disponebligis al tiu ĉi redakcio kelkajn materialojn koncerne la hispaniajn ciganojn. Jen ni citas el resumo de la Blanka Libro redaktita en 1979 far la Instituto por Aplikata Sociologio, de Madrido:

1. En Hispanio vivis, en 1978, proksimume <u>2o8.ooo ciganoj</u>, t.e. o,56 % de la hispania enloĝantaro apartenas al tiu ĉi etno. Pli ol la duono de ĉiuj ciganoj troveblas en la provincoj Granada, Barcelona, Madrid, Alacant, Sevilla, Jaén kaj Murcia, do kun klara plejnombro en suda Hispanio. 7o % el ĉiuj ciganoj estas malpli ol 25-jaraj, kaj nur 1o % estas pli ol 45-jaraj. Malgraŭ la alta procentaĵo de infan-mortado (35 el 1.ooo) la cigana etno pliiĝas ĉiujare per 5,2 %, kio signifas ke ĝi duobliĝos post malpli ol 2o jaroj.
2. En Hispanio, laŭtakse, vivas <u>33.ooo ciganaj familioj</u> kun mezume 5,72 anoj. Kontraŭe al la ĝenerala imago (kaj propraj postuloj de ciganoj!) nur 9 % restas malpli ol unu jaron en sama loko, dum 66 % restas pli ol 5 jarojn aŭ ofte eĉ dumvive. 76 % de la ciganaj familioj loĝas en zonoj ne sufiĉe ekipitaj.
3. La plej multaj ciganaj familioj vivas en loĝejoj de ne pli ol <u>5o kvadrataj metroj</u>, kaj 5 % eĉ nur 1o kvm disponas por loĝi. El 1oo ciganaj loĝejoj:
   - 34 ne havas fluantan akvon;
   - 5o ne ampleksas modernan necesejon;
   - 14 ne disponas pri elektro.
4. Nur 26 % el ĉiuj ciganoj estas <u>ekonomie aktivaj</u>. El tiuj ĉi 45 % estas manlaboristoj, 2o,3 % portempaj laborantoj kaj 14,8 % metalrubistoj. Nur 1,7 % praktikas liberan profesion.
5. Preskaŭ du trionoj de la ciganaj familioj monate enspezis en 1978/79 <u>malpli ol 2o.ooo pesetojn</u> (t.e. proksimume 5oo,-- ng).
6. Nur 27 % frekventis ian lernejon, nur 1 % efektivigis mezgradajn studojn. 44 % restas <u>analfabetoj</u>. 45 % de la lernideva junularo malĉeestas la lernejajn kursojn.
7. 28 % de la ciganoj ne posedas naskiĝdokumenton; el la pli ol

(*) La hispaniaj ciganoj nomas la ne-ciganojn "payos" (pron.: pajos), kaj ni uzas tiun terminon por esprimi certan vidpunkton.

16-jaraj ciganoj 15 % ne havas civitanan identec-karton.

8. Pli ol la duono de la ciganaj familioj ne membras en la asekuro kontraŭ malsano.

9. Kvankam 91 % konsideras sin katolikaj, nur 4 % estas intense praktikantaj, 21 % iom praktikas, 31 % apenaŭ kaj 32 % tute ne praktikas sian religion.

En kunveno de ciganaj reprezentantoj, organizita far la revuo "Interviŭ" dum 198o en Granada, iu el la kunestantoj diris spontanee: "Kiom da ciganoj ekzistas en Hispanio? Nu, kvin milionoj! Sen troigi." Ankaŭ tiuokaze la ciganoj riproĉas la pajojn pro r a s i s m o. La ciganoj ja volas partopreni en la moderna socio kaj ĝui ties avantaĝojn, sed ili rifuzas perdi sian identecon. Unu diris eksplicite: "Ni volas daŭre esti ni mem, ĉar ni ne volas tiun kulturon kaj tiun moralon de la pajoj konsistantajn el manko de respekto al la maljunuloj, senameco de la gepatroj por siaj infanoj, rivaleco inter fratoj, materiismo. Ni ne bezonas 'Coca-Cola' nek ĝinzojn nek potojn por enmeti potetojn." Ili sentas sin diskriminaciataj ĉiuaspekte, eĉ se oni donas al ili loĝejojn: "La pajoj ne atentas niajn bezonojn. Se oni devigas nin komerci per metalrubo aŭ bestoj, kiel ni havu ĉi tiujn varojn en la kvina etaĝo? Krome la pajoj riproĉas nin pro necelkonforma uzo de, ekzemple, metalaj akvokranoj. Ĉu ili forgesas ke dum jarcentoj ni lernis utiligi metalon aliacele?" La cigana akuzo plentrafas: La pajoj volas fari la homojn por la loĝejoj kaj ne la loĝejojn por la homoj! La paja socio marĝenumas la ciganojn senfine, ĉar ĝi donas al ili kutime tiujn laborojn kiuj ne aŭtomate portas al la laboranto asekuron. Kiam la ŝtata registaro aŭ la provizora aŭtonomio-konsilio de Andaluzio starigas komisionon pri ciganaj aferoj, mankas en ĝi ..... cigano."Kiam ni pruvas nian profesian kapablon - kaj ni devas esti multe pli bonaj ol aliaj - oni diras al ni ke ni estas jam io alia. Sed ni ne volas esti 'io alia' ol ciganoj kun niaj propraj kulturo, lingvo, kutimoj." La paja socio kondamnas facilanime la tutan ciganan etnon dirante, kaze de delikto, ke rabis, ŝtelis, murdis, kaŭzis akcidenton, trompis ne Karlo S. el P., sed simple ..... cigano (simile kiel kutimas la gazetaro en la industriŝtatoj koncerne la eksterlandajn laboristojn!). Kial la ciganetoj forkuras el la pajaj lernejoj kaj ne volas reiri tien? Ĉar la pajetoj kaj ties instruistoj mistraktas ilin. Ĉu ne devus ekzisti, demandis kunvenano, adaptaj lernejoj kie la ciganaj infanoj estus preparataj por la paja socio kaj la pajaj instruistoj por eduki ciganojn?

Kiel ETNISMO jam menciis (n-ro 24 / 24. o7. 198o) en multaj ŝtatoj la ciganoj suferas altagradan diskriminaciadon. Kelkfoje, kaj pli kaj pli, ili organiziĝas por defendi sin kaj por elbatali la normalajn civitanajn rajtojn. - Laŭ raporto de "Lacio Drom", la dumonata bulteno de la Centro por Ciganaj Studoj, de januaro/februaro 1981, la 15-an kaj 16-an de januaro ĉi-jara okazis en Romo kunvenon de la Asocio Internacia por la Defendo de la Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj (AIDMLK) pri la itala konstitucio kaj la tiuŝtataj etnaj minoritatoj. Tiuokaze estis prezentita dokumento kiu listigas la esencajn postulojn de la ciganoj vivantaj en Italio: agnosko kiel plenrajtaj civitanoj, agnosko kiel lingva minoritato, subteno por venki la marĝenumon, rajto pri nomadeco, rajto pri familia helpo por tiuj ciganoj kiuj fiksis sian loĝlokon, asekuro kontraŭ malsano, forigo de diskriminaciaj indikoj en la identeckartoj, adekvata instruado, rajto pri specifa laboro, rajto pri defendo de la ciganaj lingvo kaj kulturo per starigo de kulturaj centroj. - La kulminon de malrespekto de homaj rajtoj atingis la polico en la socialdemokrate regata Heslando (FRG): Por hardi junajn policistojn iliaj superuloj montras al ili i.a. serion de nudaj ciganinoj en obscenaj pozicioj (sen kaŝiiliajn vizaĝojn). La prezidanto de la FRG-ciganoj prave nomas ankaŭ tion ĉi ..... RASISMO.

* * * * * * * * * * * * *

# KOSOVO PROTESTAS

Ni eraris. Kiam ETNISMO antaŭ tri jaroj kritikis artikolon aperintan en "Der Spiegel" kaj elstarigis la pozitivajn aspektojn de la jugoslavia politiko rilate la diversajn etnajn grupojn kaj speciale la albanan, almenaŭ ni ne havis pruvojn pri la aserto ke la jugoslaviaj albanoj suferas etnan diskriminacion. La verdiktojn kontraŭ albanaj kosovanoj ni vicigis inter la "normalaj" komunistaj paŝoj por venki opoziciulojn. Evidente ni misinterpretis la serban sintenon: La albanoj ja estis kondamnitaj pro siaj etnismaj faroj, pro "naciismo" kiel oni diras en Jugoslavio.

La 11-an de marto 1981 ekis manifestacioj kiuj komence de aprilo surstratigis milojn da albanaj studentoj kaj laboristoj en dek-unu kosovaj municipoj, kaj eĉ per tankoj la armeo ne kapablis subpremi la etnan ribelon. Intertempe okazis profunda revizio de la politika vivo en Kosovo: demisio de la ĉefo de la kosova komunista partio, Bakali; eksmembrigo de pluraj ĵurnalistoj de radio kaj televido; forigo de aro da universitataj instruistoj el ties postenoj; translokigo de gravaj funkciuloj. Jam neniu plu kredas ke la ribelo ekis neatendite. Oni diras ke eĉ la sekreta servo en Kosovo ofte estis pli albanisma ol responsema rilate Beogradon.

Kio, finfine, eksplodigis la pulvon? Ŝajnas ke la "patrujo" de la kosovanoj, la najbara Albanio sub la severega diktaturo de Enver Hoxha, ne malvolonte vidis la ribelon, sed ke ĝi tamen ne volonte vidus realiĝon de ies revo: la kuniĝon de Kosovo kun Albanio. Tia "reunuiĝo" estus sufiĉe danĝera, ĉar ĝi importus al Albanio la tro "liberajn" ideojn el Jugoslavio.




La urboj en Kosovo:
1 - Priŝtina (ĉefurbo), 2 - Kosovska Mitrovica, 3 - Peĉ, 4 - Djakovica, 5 - Prizren
Kosovo ampleksas 10.900 kvkm kaj havas proks. 1.200.000 enloĝantojn (80 % el ili estas albanoj).

Dum Albanio sendis ĉiujare aron da universitataj instruistoj kaj aliajn delegitojn al Kosovo, disponebligis lernolibrojn kaj kunlaboris kun la kosova televido, ĝi apenaŭ permesis envenon de kiu-ajn-uloj el la sametnaj kosovanoj. Principe, kompreneble, Enver Hoxha ne forgesis la promeson de Tito el la jaro 1946 pri la enkadrigo de Kosovo en la novan Albanion. Tamen, tiu promeso estis sufiĉe fantazia, ĉar serboj - komunistaj aŭ ne - estus forte rezistintaj la perfidon de siaj historiaj sanktaĵoj troviĝantaj en tiu regiono. Ripete, kio eksplodigis la pulvon? Ĝenerale, la neglektado far Serbio kontraŭ la albanoj. Kiam la Tito-trupoj transprenis la regadon de Jugoslavio en 1945 ili trafis malmodernegan soci- kaj ekonomi-strukturon en Kosovo: Nek turkoj nek la nova monarkio de serboj, kroatoj kaj slovenoj klo-

podis industriigi la regionon kaj plialtigi la kulturan nivelon. La ekonomio restis klarege agrikultura, kaj 95 % el la enloĝantoj estis analfabetoj. Laŭdire kaj ne tute nekredinde, kvarjara frekventado de lernejo signifis preskaŭ-diplomon por instruisti. Antaŭ 1945 en tuta Jugoslavio ekzistis nur 15 studentoj el Kosovo. Ĝis 1966 apenaŭ efektiviĝis ŝanĝoj, kaj Rankoviĉ provis "solvi" la albanan problemon per spionado, persekutado, torturado kaj - kial ne? - murdoj. En 197o oni instalis universitaton kun dulingva instruado (albana kaj serbokroata) en Priŝtina, kie nuntempe studentas 5o.ooo gejunuloj, t.e. multege tro da ili por povi bonkvalite prepari ilin. La jugoslavia registaro projektis krei en Kosovo ĉiujare 8.ooo novajn laborlokojn, sed dum la 1979-a aŭtuno ĉefministro Djuranoviĉ devis konfesi ke depost 1975 estis fonditaj nur kvar novaj fabrikoj. Ne eblis kaŝi la fakton ke en Kosovo la viv-nivelo ankoraŭ atingis nur trionon de la ĝenerala en la ŝtato. La eblecoj por praktiki sian propran kulturon ne abundas: la solan Kosovo-operon oni surscenejigis nur en ..... Tirano, ĉar en Kosovo ne troveblis taŭgan operkantistaron; ankaŭ pentristoj pli kaj pli konstatas ke la vera fundamento por ilia kreado estas la albana ŝtato translima. La kosovanoj vivantaj en aliaj partoj de Jugoslavio sentas sin primokataj, diskriminaciataj tiel ke ilia etna konscio pliintensiĝas.

Jugoslavio reduktis siajn rilatojn kun Albanio ĝis minimumo kaj oftas la reciprokaj riproĉoj. Novaj incidentoj: bomba atenco kontraŭ la jugoslavia ambasadejo en Tirano, laŭ albanaj specialistoj, estis memfarita; Enver Hoxha neas aŭtorecon de mapo distribuita en okcidentaj ambasadejoj kaj montranta la verajn teritoriajn postulojn de Albanio: partojn de Montenegro, Makedonio kaj norda Grekio krom Kosovo. La albanoj en Jugoslavio nun certe malpli ol antaŭe havas ŝancon efektivigi la sepan respublikon kiel samrajtan membron de la federacio. La lernejoj kaj universitato evitos ĉiajn aludojn pri la memstareco de la albanoj, radio kaj televido revizi-is siajn programojn por doni help-lecionojn al la malfideliĝintaj kosovanoj.

Ĉu la mult-etnan jugoslavian komunumon minacas ĝenerala disiĝemo? Ĉu eblas savi tiun konstruaĵon per serioza paŝo direkte al plej ampleksa aŭtonomio de la kosovaj albanoj kaj de aliaj etnaj grupoj kontraŭ la serba hegemoniemo? Supozeble tia paŝo, fine, ne sufiĉos. Necesos ĝenerala liberaligo, demokratiigo por montri al la albanoj perspektivojn por propra evoluo.

* * * * * * * * * * *

# KONCIZE EL .....

LIONO. Ĵus estis publikigita la unua romano verkita en la berbera lingvo. La aŭtoro estas 28-jara studento el Alĝerio, Rachid Aliche, kiu en sia romano "Asfel", presita latin-litere, priskribas la malkovron de la patrujo far magrebano. Ne jam ekzistas franca traduko de tiu 124-paĝa verko.

Rennes. Finfine la nova franca registaro decidis permesi ke la ĉi-urba universitato ekzamenos kandidatojn pri la bretona kaj aliaj keltaj lingvoj. Per Denez, estro de la kelta sekcio de tiu ĉi universitato, en cirkulero de o6. o8. 81 nomas tiun decidon historia.

BARCELONO. Estis fondita "Servo de Informado kaj Dokumentado" (Servei d'Informació i Documentació, Balmes, 243-247, Barcelona-6, Katalunio, Hispanio) kiu intencas kolekti, mikrofilmi kaj disponebligi ĉiajn informojn kaj dokumentojn pri eventoj el la tuta mondo, kun akcento sur Katalunio kaj la hispana ŝtato.

STOLBERG. Kiel oni raportas el kutime bone informitaj medioj, ekzistas projekto ankoraŭ ĉi-jare eldoni du pliajn numerojn de tiu ĉi bulteno. Oni aŭdas ke - malgraŭ tempaj kaj financaj problemoj - kredeble tiu projekto estas realisma.




# IKEL-INFORMILO 7

## 1. FINANCOJ

Estas banale ripeti ke sen financaj rimedoj ankaŭ la INTERNACIA KOMITATO POR ETNAJ LIBERECOJ (IKEL) ne povas kion ajn fari. Malgraŭ la banaleco la estraro de IKEL denove apelacias al ĉiuj membroj ke ili nepre regule pagu siajn kotizojn. Cetere, ankaŭ nemembroj povas subteni nin ..... per donacetoj kaj m e m b r i ĝ o. La jarkotizo estas 22,-- germanaj markoj aŭ egalvaloro en alia valuto. Bonvolu sendi viajn kotizojn kaj donacetojn al la ĉi-sekvaj adresoj:

a) en Hispanio: s-ro Llorenç MARTI I NANCLARES (IKEL-kasisto)
Ribot i Serra, 114, Sabadell (Barcelona), Hispanio

b) en Italio: s-ro Norberto SALETTI (IKEL-reprezentanto en Italio)
Via Libia 2o/4, I-4o138 Bologna
poŝtĝirkonto: 128564o7 Bologna

c) el ĉiuj aliaj ŝtatoj: s-ro Uwe Joachim MORITZ(IKEL-prezidanto)
Feldstr. 38, D-519o Stolberg
poŝtĝirkonto 227172-3o3 Hannover

## 2. AKTIVADO

IKEL nepre bezonas konstantajn kunlaborantojn tra la tuta mondo! Ni havas antaŭ ni tiom da farendaĵoj:

a) kolektado de informoj kaj dokumentoj;
b) redaktado de artikoloj por ETNISMO, pres-komunikoj;
c) kontaktado al plej diversaj aŭtoritatoj en plej diversaj ŝtatoj kaj sur la diversaj niveloj;
ĉ) organizado de prelegoj, diskutoj kaj seminarioj;
d) kunmetado de ekspozici-materialoj;
e) verkado de eseoj, studoj kaj analizoj, ankaŭ por ali-lingvaj publiciloj;
f) interkontaktado de la IKEL-kunlaborantoj kaj membroj;
g) varbado de novaj membroj.

Kiujn el tiuj taskoj vi persone pretas transpreni, ĉu parte, ĉu tute?

La IKEL-estraro senpacience atendas viajn reagojn.

---

Etnismo *Informilo pri etnaj problemoj*

Eldonas kaj redaktas: Uwe Joachim Moritz, Feldstr. 38, D-519o Stolberg (FRG), tel.: (49-24o2) 72336, poŝtĝirkonto: 232612-3o6 Hannover.

ETNISMO aperas 3 fojojn jare. Tiu ĉi estas la unua numero de 1981.

Jarabono (kalendara jaro): 1o,-- gm (11 internaciaj respondkuponoj).
(La IKEL-kotizo de 22,-- gm jam inkluzivas la abonon de ETNISMO.)

Nepre NE sendu ĉekojn sen antaŭa interkonsento! Evitu BANKAJN ĝirojn el eksterlando, ĉar mia banko kutime subtrahas konsiderindan parton el la ĝiraĵo/ĉeksumo kaj ... ETNISMO suferas altigon de la jama deficito!